juna amiko

Nemzetközi eszperantó diáklap

Megjelenik évente háromszor

VIII. évfolyam, 1. szám, 1981

Felelős szerk.: Kurucz Géza

Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség Budapest, Kenyérmező u. 6. 1081

Felelős kiadó: Vaskó Tibor

Készült a Nyírségi Nyomdában 4000 példányban

Felelős vezető: Jáger Zoltán

•

TASKO DE ĈIU ESPERANTISTO: PROPAGANDI LA REVUON INTER LA KOMENCANTOJ!

•

*Sur la titol'paĝo: Et'pioniroj faras pupojn en Szentendre*







# ĈEĤOSLOVAKIO

*Ĉeĥoslovakio havas propran historion ek-de la jaro 1918, kiam — pro la volo de popoloj — ĝi estis apart'iĝ'ita dis-de la Aŭstra-Hungara Monarkio[1], „malliberejo de nacioj". Du parencaj slavaj popoloj: ĉeĥoj kaj slovakoj, sub-prem'itaj en tiu malliber'ejo de nacioj, decidis vivi kune, en nova ŝtato.*

*Sed la ŝtat'homoj preter-atentis plurajn naciecajn kaj ekonomiajn problemojn[2], kio fine rezultigis, en 1938, partan, kaj en 1939 plenan okupacion[3] de la ĉeĥa teritorio[4]. La slovaka parto iĝis faŝisma[5] ŝtato, kiu kunlaboris kun naziistoj[6] ĝis la fino de la dua monda milito; malgraŭ tio ke, en 1944, la slovaka popolo esprimis, per revolucio, sian volon ne sub-teni naziistojn. Fine, en 1945, la soveta armeo[7] liberigis Ĉeĥoslovakion, kaj la ŝtato iĝis mem-stara. La rilaton, inter ĉeĥoj kaj slovakoj, oni solvis nur en 1968, kiam ekestis federacio[8]: Ĉeĥa Socialisma Respubliko kaj Slovaka Socialisma Respubliko.*

*Sed la ĉeĥa kaj slovaka popoloj vivas sur tiu ĉi teritorio jam ek-de la 6-a jar'cento. En la 7-a jarcento, ekzistis la granda imperio[9] de S a m o , en la 9-a jarcento ek-estis la Grandmoravia[10] Imperio, kiu havis kontakton[11] kun la Bizanca Imperio. Poste, inter diversaj limoj,*





# ŜTATO EN LA KORO DE EŬROPO



*ekzistis ĉeĥa ŝtato kun reĝoj. Kvankam ili dependis de la mez'epoka Romania Imperio, tamen ili estis el-staraj, eĉ decidis pri kelkaj najbaraj ŝtatoj.*

*Jam en 1348, oni fondis la unuan Mez'eŭropan universitaton en Prago. Sur la teritorio de Bohemio[10] ekestis la unuaj civitoj[12] de komunisma sistemo[13], kaj Jan Hus mortis en 1415 per aŭtodafeo[14], do pli ol cent jarojn antaŭ la reformisto Martin Luther.*

*Timo pro la invado[15] de turkoj[16] igis la ĉeĥan ŝtaton al-iĝi al la Habsburga dinastio[17]. Sed la lasta ĉeĥa reĝo, Georgo de Podebrady vane[18] atentigis pri la turka danĝero; vana restis lia propono fondi „Societon de Krist'anaj estroj" (ia Ligo de Nacioj jam en 1464!). La Habsburga dinastio ne sukcesis plene defendi la ŝtatojn kontraŭ la turkoj, tamen, post ilia re-tiriĝo, ĝi intencis organizi unuecan imperion en Mez'eŭropo. Sed tio ne plu estis ebla. Inter-tempe vekiĝis pluraj popoloj. Pro la malprogres'ema Habsburga politiko, la granda pedagogo[19] Komenius devis for-lasi la ĉeĥan teron. En la provincoj[20] de la eksa ĉeĥa ŝtato: Ĉeĥio, Moravio kaj Silezio ekestis konfliktoj[21] inter ĉeĥoj kaj germanoj.*

1. ŝtato, kiun regas sen-de-penda reĝo aŭ imperiestro/ 2. problemo: malfacile solvebla demando/ 3. okupacio: maljusta alligo de fremda teritorio/ 4. parto de lando, regiono/ 5. faŝismo: politika movado de terorismo/ 6. Hitler'anoj/ 7. grandega aro da soldatoj/ 8. grupiĝo de ŝtatoj sub tegmenta registaro/ 9. granda ŝato, kiun regas estro super kelkaj reĝoj/ 10. regiono de Ĉeĥoslovakio/ 11. kontakto: inter-ligo/ 12. urboj/ 13. ĉi tie: formo de reg'ado/ 14. publika punbrul'igo/ 15. invadi: perforte eniri kaj okupi fremdan landon/ 16. popolo en Proksima Orien-

to/ 17. reg'anta familio/ 18. sen-rezulte/ 19. eduk-isto/ 20. regiono fora de centro/ 21. inter-puŝ'iĝo pro kontraŭaj opinioj/ 22. efiko/ 23. modifi: iom ali'formi; ŝanĝi/ 24. oficiala: ŝtate re-kon'ita/ 25. post-restaĵoj de kon-struaĵoj/ 26. roko: ŝton-ego/ 27. groto: mal-plen'aĵo sub la tero/ 28. kalko: speco de blanka ŝtono.

PIED'NOTOJ de „Parol'turnoj ..." (5-a paĝo):
1. ŝajnas al li vidi.

MALAPERIS VARIOLO (6-a paĝo)
1. speco de malsano, nom'ata ankaŭ la nigra morto/ 2. el-diris publike/ 3. injekt'ebla kuracilo, kiu malebl'igas malsan'iĝon/ 4. pas'anta de homo al homo/ 5. mon'unuo en Nederlando

NI, INFANOJ KAJ ... (6-a paĝo)
1. individuo: ĉiu el aro da sam'speculoj/ 2. informilo por la membraro/ 3. legendo: rakonto pri malnovaj okazaĵoj kun multaj imag'itaj en-miksaĵoj/ 4. enigmo: malfacile solvebla problemo/ 5. donas al iu ion kiel lian/ 6. portreto: foto pri vizaĝo/ 7. ĉi tie: amuza vespero sub disko-muziko/ 8. atestilo: papero, kiu pruvas pri io grava.

KIEL SIDIGI ILIN? (9-a paĝo)
1. frizaĵo: har'aranĝo/ 2. koliero: kol'ĉeno por ornamo.



*La ekstera malamiko, Prusio, minacis la tutan Habsburgan Imperion kaj, fine, akiris grandan parton de Silezio. Malgraŭ forta subteno al la germana lingvo, la ĉeĥa havis pli kaj pli gravan signifon. Unue, ankaŭ la slovakoj uzis la ĉeĥan lingvon, sed en 1844 ili decidis ĉe la slovaka. La parenceco kaj la reciproka influo[22] restis, kompreneble, sed la eraroj de la respubliko inter 1918 kaj 1938, kiam oni parolis pri unu nacio „ĉeĥoslovaka", kaj pri unu lingvo la ĉeĥa (en du modifoj[23]) multe malutilis. Nun, ekzistas du oficialaj[24] lingvoj: la ĉeĥa kaj la slovaka.*

*Ĉeĥoslovakio estas industria lando. Jam en la jaro 1707, estis fond'ita speciala teknika lernejo. En 1820, oni konstruis la unuan fer'vojon, sur kiu ĉevaloj tiris la vagonojn. Post 21 jaroj, jam lokomotivo tiris la vagonojn al la ĉef'urbo de Moravio, Brno, kaj en 1845, ĝis la ĉefurbo de Ĉeĥio: Prago. La grandaj fabrikoj en Plzen estis fonditaj en 1859.*

*Vid'indaj kaj grand'nombre vizit'ataj estas niaj multaj kasteloj kaj ruinoj[25], rokaroj[26] el sablo-ŝtono, grotoj[27] en montaroj el kalko-ŝtono[28]. Multajn gastojn allogas niaj altaj montaroj kaj la fontoj de minerala akvo.*



*La ĉefplaco de Prago en nokta lumo*

*La ĉefurbo de la ŝtato estas Prago, tiu de Slovakio: Bratislava sur Danubo.*

*La tuta ŝtato havas 9,5 milionojn da ĉeĥoj kaj 4 milionojn da slovakoj. La naciaj malplimultoj estas: hungaroj, ukranoj, poloj kaj germanoj. Ĉeĥoslovakio okupas 130 000 kvadratajn kilometrojn.*

*Josef Chvosta (Ĉeĥoslovakio)*

LA VIVO DE LA HOMO (10-a paĝo)

1. surprizo: ne-atendita subita okazaĵo/ 2. venkos/ 3. sen-rajta homo/ 4. tia, ke li/ ŝi diras nur decaĵojn/ 5. el-teni/ 6. pensis profunde/ 7. tro obeema/ 8. tiros la langon sur io; signo de humileco/ 9. homo-simila besto/ 10. palpebrumi: fermi, por momento, la „kovrilojn" de la okuloj/ 11. vivuloj.

## PAROL'TURNOJ KAJ DIR'MANIEROJ

*En la tago de sankta Neniam'o* (tut'certe neniam)
*Li ne scias, ĉu li vidas aŭ vizias*[1] (li estas en tre granda embaraso)
*Lia/ŝia kapo servas nur por porti ĉapelon* (li/ŝi estas malsaĝa)
*Sapumi la okulojn al iu* (riproĉ'egi al iu)
*Timi eĉ sian propran ombron* (timegi ĉion)
*Montri la kaŝ'itajn ungojn* (el-montri la veran malbonan intencon)

ABC POR KOMENCANTOJ




# MAL-APERIS VARIOLO[1] — laboroj de MOS

La 26-an de oktobro 1979, la *Monda Organizo pri Sano* (MOS) deklaris[2], ke malaperis variolo sur la ter'globo.

En 1968, la variolo troviĝis ankoraŭ en 30 landoj, ĉefe en Afriko, Hinda Unio kaj Suda Ameriko.

Ek-de la el-trovo de vakcino[3] fare de *Edward Jenner* (:edŭod ĝenner), en 1798, la batalo de la homaro, kontraŭ variolo, daŭris preskaŭ du jar'centojn.

Dum 12 jaroj, ekde 1967 ĝis la malapero de tiu infekta[4] malsano, MOS el-spezis kontraŭ variolo 600 milionojn da guldeno[5].

En la jaro 1980, MOS ek-celis malaperigi malsanojn, kaŭz'atajn de fumado.

Laŭ *UN kaj NT*

PIEDNOTOJ sur la 4-a paĝo!

## *NI, INFANOJ KAJ GEJUNULOJ, MONTRU AL LA PLEN'AĜULOJ, KE LA HOMOJ POVAS VIVI EN AMIKECO KAJ PACO!*

Ĉiu, kiu konas Esperanton, bone scias, ke ĝi estas ne nur lingvo, sed ankaŭ ideo; ideo de amikeco kaj de reciproka helpado inter homoj de diversaj nacioj.

Por dis-vast'igi tiun noblan ideon, ni — geknaboj el *Varsovio,* naskiĝ'urbo de Esperanto — fondis, en januaro 1980, *Internacian Esperanto-Klubon de Amikeco* por lernej'anoj.

Al nia klubo, nun apartenas 119 geknaboj kiel *individuaj*[1] *membroj,* 13 grupoj kiel *membro-grupoj* kaj 46 plenaĝuloj kiel *amikoj de la Klubo.*

Nun-tempe, ni havas membrojn kaj amikojn en la jenaj 31 landoj: Argentino, Aŭstrio, Belgio, Brazilo, Britio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Finnlando, Francio, FR Germanio, Hinda Unio, Hispanio, Hungario, Irako, Italio, Jugoslavio, Kanado, Kolombio, Korea Respubliko, Kostariko, Luksemburgo, Malagasio, Peruo, Pollando, Sovetunio, Svedio, Svislando, Turkio, Venezuelo.

Nia klubo, ĉiu-monate, el-donas kluban bultenon[2] en la formo de grupa letero. Ni prezentas, en ĝi, korespondaĵojn, kiujn sendis al ni niaj geamikoj. Ili skribas pri si, kaj prezentas al ni legendojn[3], lig'itajn al ilia lando aŭ urbo. En la ĝis-nunaj grupaj leteroj, oni povis legi legendojn aŭ informojn pri *Varsovio*, *Napolo* kaj *Livorno* (Italio), *Zurich* (Svislando), *Teherano* (Irano), *Kuopio* (Finnlando), *Znojmo* (Ĉeĥoslovakio) kaj pri *Belgio*.

Ŝajnas al ni, ke la lasta paĝo de la bulteno — sur kiu troviĝas facilaj enigmoj[4] — estas la plej ŝat'ata.

Ĉiu knabo aŭ knabino, inter 9 kaj 18 jaroj, povas al-iĝi al nia Klubo. Ankaŭ grupoj povas iĝi membroj. Al plenaĝuloj, kiuj deziras kun-labori, ni atribuas[5] la titolon *„Amiko de la Klubo”*. La membreco estas sen-paga. Oni devas plenumi nur jenajn kondiĉojn:

(a) Sendi al la Klubo informojn pri familia kaj persona nomoj, pri la naskiĝ'datoj, adreso; kaj al-meti du portretojn[6].

(b) Skribi leteron al la Klubo almenaŭ kvar-foje, en jaro.

(c) Partopreni (se estas eblecoj) klubajn aranĝojn, konkursojn k. t. p.

Nia ĝis-nuna agado, krom la el-dono de bulteno, ne estas tre riĉa. Antaŭ ĉio, ni lernas Esperanton en junulara kultur'domo. Ĉi tie, ni okazigis du aranĝojn. La unua estis „Granda esperantista diskoteko[7]”. Dum tiu ĉi kun-veno, *Marek Chmielewski* (la


INTERNACIA ESPERANTO-KLUBO
DE AMIKECO
Junulara Kulturdomo
ul.Deotymy 37
01-441 Warszawa

Grupa letero n-ro 7

Varsovio,la 1-an de septembro 1980 j.

KARA AMIKO !

Antau ĉio ni devas pardonpeti, ke ni ne tuj respondos al ĉiuj niaj geamikoj. Imagu, kara amiko, ke dum somerferioj alvenis al la klubo preskaŭ cent kvindek leteroj !

Tiu ĉi fakto multe ĝojigas nin. ...

klubo estas interesa kaj ...

AMIKO DE LA KLUBO - s-ro Humphrey Tonkin, Philadelphia, Usono

Karaj geklubanoj

Kun granda plezuro mi ricevis vian leteron de la 10-an de junio kun invito, ke mi fariĝu Amiko de la Internacia Esperanto-Klubo de Amikeco.

Danke mi akceptas vian inviton kaj kun intereso mi tralegos viajn bultenojn.

Bonan sukceson en via Esperanto-laboro.Bonvolu akcepti bondezirojn el Usono kaj de UEA

Kore salutas
Humphrey Tonkin
prezidanto de UEA

prezidanto de nia Klubo) dis-donis atestilojn[8] pri la membreco al la Varsoviaj amikoj de la Klubo. Poste, nia instruistino, s-ino *Barbara Chmielewska* en-man'igis la atestilojn de la *Kastora Klubo* (ni kunlaboras kun tiu ĉi klubo, kaj la Ĉefa Kastoro, s-ro *J. H. Sullivan* estas Amiko de nia Klubo). Poste, nia plej juna rondeto (10-jaruloj el la baz'grada lernejo n-ro 51 en Varsovio) prezentis artan programon, kiu tre plaĉis al ni ĉiuj. Ni estis kontentaj kaj bon'humoraj, kvankam iom lacaj pro multa dancado.

La dua aranĝaĵo estis granda ekspozicio por polaj lernantoj. En la ekspozicio, oni povis vidi belajn bild'kartojn, poŝ'markojn, fotojn, revuojn, librojn, leterojn kaj aliajn esperantaĵojn, kiujn al-sendis niaj geamikoj el diversaj landoj.

Nia klubo estas ankoraŭ tre juna, tial ni volonte akceptas ĉiajn rimarkojn kaj proponojn. Ĝi iĝu nia komuna klubo! Al-iĝu al ni!

Geknaboj el *Internacia Esperanto-Klubo de Amikeco*
Junulara Kulturdomo
ul. Deotymy 37
PL 01-441 WARSZAWA, *Pollando*

PIED'NOTOJ sur la 4-a paĝo!

## ANEKDOTOJ

*Iu-foje, oni demandis la faman rusan aktoron, M. S. Ŝcepkin:*

*„Kiajn rolojn vi ludas volonte, ĉu grandajn aŭ malgrandajn?"*

*„Tio de-pendas de la teatraĵo", respondis Ŝcepkin. „Se la teatraĵo estas bona, tiam grandajn; se ĝi estas malbona, tiam la plej malgrandajn".*

●

Patro demandis sian filon:

„Kial vi ne sukcesis en la ekzameno? Vi ja sciis ĉiujn demandojn".

„Jes, sed mi ne sciis la respondojn", re-diris la filo.

# KIEL SIDIGI ILIN?


1


2


3


4


5


6


7


8

Dommastrino invitis gastojn. Ĉiu, el ili, diris al ŝi, kun kiu li/ŝi volas aŭ ne volas sidi.

„Mi volas sidi kun sinjoro, kiu fumas", diris la unua sinjorino.

„Mi volas sidi kun sinjoro, kiu havas barbon", petis la dua sinjorino.

„Mi ne volas sidi apud homo kun okul'vitroj", menciis la tria sinjorino.

Nur al la kvara sinjorino plaĉis ĉiuj viroj, kiuj ĉeestis la vesperon.

„Ni ne volas sidi kun blondul'ino", diris la kvina kaj sepa sinjoroj.

„Mi volas sidi kun blondulino", diris la oka sinjoro.

„Mi volas, ke la sinjorino, kiu sidos kun mi, ne havu altan frizaĵon[1] kaj kolieron[2]", diris la sesa gasto.

Helpu al la dommastrino sidigi la gastojn laŭ iliaj deziroj!

*Sendu la solvojn al la redaktisto antaŭ la 1-a de julio. Lia adreso sur la 23-a paĝo!*

## *De Xavier Marques:*

# LA VIVO DE LA HOMO

*Dio kreis la homon kaj diris al li:*

*„Iru, vi estos la mastro kaj la supera estaĵo de la tero. Grandaj laboroj kaj surprizoj[1] atendos vin, sed vi triomfos[2] super ĉio. Via feliĉo multe de-pendos de via volo. Vi vivos tridek jarojn".*

*La homo aŭdis kaj silentis.*



*Dio kreis la azenon kaj diris al ĝi:*

*„Vi vivos kiel sklavo[3] de la homo; vi transportos lin kaj ĉiujn ŝarĝojn, kiujn li metos sur vian dorson. Vi estos sufiĉe diskreta[4] kaj pacienca por toleri[5] la mankojn dum vojaĝoj. Vi vivos kvindek jarojn.*

*La azeno meditis[6] kaj respondis:*

*„Sklaveco, ŝarĝo, mankoj, kaj vivi dum kvin-dek jaroj... estas multe, Sinjoro. Tri-dek sufiĉas al mi".*



*Dio kreis la hundon, kaj diris al ĝi:*

*„Vi estos la kun-ulo de la homo, kies pordon vi gardos ĉiam atente, serv'ante lin kun perfekta obeado, kvankam vi ricevos ne pli ol unu oston por kviet'igi la malsaton. Vi suferos batojn, sed humila[7] kaj fidela, vi lekos[8] la manon, kiu punas vin. Vi vivos tridek jarojn".*

*La hundo pensis kaj kontraŭ-diris:*

*„Gardi tage kaj nokte, esti bat'ata, suferi malsaton, kaj vivi dum tridek jaroj... Ne, Sinjoro; mi volas nur dek".*

*Dio kreis la simion[9], kaj diris al ĝi:*

*„Iru! Via okupo estos gaj'igi la homon. Salt'ante de branĉo sur branĉon, imit'ante liajn gestojn, vi celos dis-peli lian malĝojon kaj konservi lian bon'humoron. Vi vivos kvindek jarojn".*

## Brazila fabelo

# LA VIVO DE LA HOMO

*La simio palpebrumis[10], kaj petis:*

*„Sinjoro, tio estas troa por tiel malnobla celo ... Sufiĉas al mi tridek jaroj".*

**T** *iam, la homo ek-parolis kaj diris:*

*„Du-dek jarojn, kiujn la azeno ne volis; dudek jarojn, kiujn la hundo malakceptis; dudek jarojn, kiujn la simio rifuzis, donu al mi, Sinjoro, ĉar tridek jaroj estas tre malmulte por la reĝo de la animaloj[11]".*

*„Prenu ilin", konsentis la kre'into.*

*„Vi vivos naŭ-dek jarojn, sed sub la jena kondiĉo: vi plenumos, dum via vivo, ne nur vian destinon, sed ankaŭ tiujn de la azeno, de la hundo kaj de la simio".*



**K***aj tia-maniere vivas la homo.*

•

*Ĝis lia trideka jaro, forta kuraĝa rezistema, li kontraŭ-staras danĝerojn kaj malhelp'aĵojn, batalas kun energio, venkas kaj konkeras: li estas homo.*

*De tridek ĝis kvindek jaroj, li havas familion kaj laboras sen ripozo, por sub-teni ĝin. Sur li, amasiĝas la ŝarĝoj: li estas azeno.*

*De kvindek ĝis sepdek jaroj, li estas gardo-star'anto de la familio. Sin-dona kaj milda, lia devo estas defendi ĝin, sed li jam ne povas al-trudi sian volon. Li humiliĝas kaj obeas: li estas hundo.*



*De sepdek ĝis naŭdek jaroj, sen-forta kaj kurb'ig'ita, li estas sen-utila kaj ridinda. Li scias, ke neniu rigardas lin grava, sed li konformiĝas kaj volonte konsentas gajigi la infanojn per burleskaĵoj: li estas simio.*

PIEDNOTOJ sur la 4-a paĝo!

*Tradukis: Mário Ritter Nunes*



Faru kvar kubojn, kaj pentru iliajn laterojn[1] laŭ la prezent'itaj koloroj (la verde haĉitaj[2] lateroj estu ruĝe pentritaj)!

La taskon prezentas la suba bildo, nome: vicigu la kubojn *tia-maniere*, ke sur ĉiuj kvar flankoj (antaŭa, supra, malantaŭa kaj suba) troviĝu ĉiuj kvar koloroj.

Ne estu maltrankvila! Ekzistas miloj da kombinaĵoj[3], sed nur unu el ili estas ĝusta. Ni deziras, do, paciencon!

1. latero: ĉiu el la ses flankoj de, ekzemple, kubo/ 2. haĉi: dense kovri la supraĵon per linioj/ 3. kombini: kun-meti plurajn aĵojn laŭ ĉiuj eblaj manieroj.

KAKTOJ:

1. kakto: kreskaĵo, kies foliojn kovras longaj pikiloj/ 2. manĝaĵo por granda festo-tago/ 3. botaniko: scienco pri la kreskaĵoj/ 4. estas preta kaŝe ataki/ 5. longaj pikaj aĵoj, similaj al kudrilo/ 6. ĉi tie: la nervoj estas tro streĉ'itaj/ 7. plaĉa servo al iu.

KOMIKAJ „KENTAŬROJ":

1. ridindaj/ 2. imagitaj estaĵoj kun homa kapo kaj besta korpo/ 3. ne-intence; pro manko de atento.

Ludu

*Ludmila Jevsejeva*

# KÁKTOJ[1]

*Se tio interesas vin,*
*mi havas kaktojn tridek kvin,*
*sur la fenestro-breto,*
*en ĉiu anguleto.*

*Per ili, min premiis frat',*
*Je mia deka naskiĝ'dat';*
*ven'inte al festeno[2]*
*el bontanik'ĝardeno[3].*

*De tiu tag' — honora vort'! —*
*de ĉie min insidas[4] mort',*
*de sur fenestrobreto,*
*en ĉiu anguleto.*

*Konstante sonas: „Stop!" kaj*
*„Halt!"*
*Ne savas min eĉ supren-salt'.*
*Koleraj kaktoj pikas*
*per pingloj[5] cent. Mi psi-*
*kas[6].*

*Se tio interesas vin,*
*mi vendus kaktojn tridek kvin,*
*al vi, kiel komplezo[7],*
*laŭ tre malkara prezo.*

# Komikaj[1] v „Kentauroj[2]"




Vi vidas sur la bildo ses strangajn bestojn, ĉar la desegnisto „hazarde[3]" konfuzis la suprajn kaj malsuprajn korpo-partojn.

Faru ordon!

„Kun-metu" la bestojn, kaj skribu iliajn nomojn en Esperanto! Sendu la nomojn al la redaktisto (adreso sur la 23-a paĝo) ĝis la 1-a de julio 1981!

# KASTORA LETERO
## De J. H. SULLIVAN

*Miaj Karaj Kastoroj!*

*Unue, je la komenco de la jaro 1981, mi deziras al vi ĉiuj TRE FELIĈAN NOVAN JARON!*

*Fakte, ĉi tiu estas la dek-sesa nova jaro, kiun spertas nia Klubo, kaj estas interese rigardi kelkajn ciferojn, kiujn mi lasta-tempe rimarkis: Je la Nov'jaro 1965, la Klubo havis nur 3 membrojn (ĉar ankoraŭ nova!), sed la Novjaro 1966 trovis nin kun 69. Kaj post tio? Nu... nia unua membro, en la jaro 1980, havis membro-numeron 1038, sed ĉar mi skribas ĉi tiujn vortojn, kiam tiu jaro ankoraŭ ne finiĝis, mi ne povas al-doni la ciferojn por la fino de 1980.*

*Kompreneble, ne ĉiuj el la pli ol mil geknaboj, kiuj an'iĝis al la Klubo, ankoraŭ nun estas membroj, ĉar multaj jam estas plen'kresk'uloj. Ekzemple, membro n-ro 1, kiu tiam estis 10-jara knabo en Ĉeĥoslovakio, nun havas 26 jarojn! Tamen, mi ankoraŭ, de tempo al tempo, ĝoje ricevas leterojn de malnovaj Kastoroj.*

*Nun, mi havas por vi plian historion, ĉi-foje pri knabo, kiu naskiĝis antaŭ ĝuste cent jaroj, kaj kies laboro, kiam li plenkreskis, helpis kaj helpas multajn homojn ĉiu-jare.*

## SKOTA SCIENCISTO

Antaŭ cent jaroj, en 1881, naskiĝis en *Skotlando* knabo, *Aleksandro Fleming*, plej juna el ok gefratoj. Lia patro mortis, kiam li estis nur 7-jara; kaj kiam li havis 14 jarojn, oni decidis, ke li loĝu en *Londono*, kun pli aĝa frato, kiu jam estis okulisto tie. Aleksandro vizitis alt'lernejon en la ĉefurbo de *Britio* kaj, poste, laboris en oficejo, sed — laŭ la konsilo de sia frato — li komencis studi medicinon[1] en la hospitalo[2] de „Sankta Maria".

Li faris tie la kutiman laboron de medicina stud'anto, sed li trovis tempon ankaŭ por amuziĝo. Ĉiu-jare, ŝajne sen multe da malfacilo, li atingis la plej altan lokon en la ekzamenoj, kaj ĉiuj supozis[3], ke li fariĝos brila kirurgo[4], aŭ riĉega kuracisto. Sed anstataŭe, kiam li doktoriĝis, li al-iĝis al bone kon'ata bakteriologo[5], por studi mikrobojn[6]. En la komenco de la nuna jar'cento, oni sciis tre malmulte pri tiuj etaj estaĵoj, kaj pri tio, kiel ili kaŭzas malsanojn.

Dum la unua mond'milito, *Aleksandro Fleming* iĝis milita kuracisto, kaj li rimarkis, ke multaj vund'itoj mortis, ne pro la vundoj mem, sed pro malpur'aĵo, kiu en-lasis mikrobojn en la vundojn. Oni povis mortigi la mikrobojn per lavado en antisepsaĵo[7], sed ankoraŭ multaj soldatoj mortis.

En nia sango, troviĝas ruĝaj kaj blankaj ĉeloj[8] kaj la tasko de la blankaj estas: batali kontraŭ mikroboj. Se la blankaj ĉeloj estas venk'itaj, la homo malsan'iĝas kaj, eble, mortas. Bedaŭrinde. la antisepsaĵo, kiu mortigis la mikrobojn, mortigis ankaŭ la blankajn ĉelojn!

Post la milito, Aleksandro daŭre esploris, por trovi antisepsaĵon, kiu mortigus la mikrobojn, sed ne malhelpus la blankajn ĉelojn. Li faris kelkajn utilajn el-trovojn, sed ne la perfektan antisepsaĵon, kiun li serĉis.

Iun tagon, li komencis ekzameni la malprofundajn ujojn (telerojn), en kiuj li kulturis mikrobojn en speciala likvaĵo[9]. Kutime, ili estis kovr'itaj per vitraj kovriloj, sed ĉi-foje li rimarkis, ke en unu telero estis verdaĵo, simila al tiu, kiu kreskas sur malnova fromaĝo. Tio informis lin, ke eta ne-vid'ebla sporo[10] (aŭ semo) en-iĝis, dum la kovrilo estis levita. Anstataŭ tuj for-ĵeti ĝin kaj lavi la teleron, *Fleming* zorge rigardis ĝin kaj, je sia surprizo, trovis, ke, kie la verdaĵo kreskis, la mikroboj malaperis. Tio ja estis interesa! Li komencis studi la verdaĵon kaj, fin'fine, kreskigis sufiĉe da ĝi, por fari el ĝi klaran likvaĵon, kiun li nomis *penicilino*. Post multa eksperimentado[11], li pruvis, ke ĝi mortigis multajn mikrobojn, sed ne difektis la blankajn ĉelojn.

Tamen, penicilino estis tre malfacile farebla, kaj ĝi rapide perdis sian potencon[12]. Necesis dek jaroj da forta laborado, dum kiu tempo preskaŭ neniu aŭdis pri ĝi.

Fine, tamen, parte pro la okazo de la dua mondmilito, ĝi komencis esti vaste fabrik'ata, kaj ĝi helpis multajn milit'vunditojn. Kiam *Sir*[13] *Aleksandro Fleming* mortis en 1955, miloj da homoj tra la mondo povis danki penicilinon pro sia sano, eĉ pro sia vivo.

## NIAJ PROMOCIITOJ

Post mia lasta letero en Juna Amiko, jenaj membroj atingis pli altajn gradojn ĝis la mezo de aŭgusto:

FARIĜIS ARĜENTAJ KASTOROJ:

909 *Tomasz Jagielo* (Pollando)
912 *Renata Sumlinska* (Pollando)
913 *Beata Sumlinska* (Pollando)

915 *Agniszka Kozera* (Pollando)
917 *Agnieszka Suczynska* (Pollando)

FARIĜIS BRUNAJ KASTOROJ:

1002 K. Swiezewska; 1006 W. Romaszkan; 1028 M. Idzikowska, 1033 T. Marasek (ĉiuj en Pollando); 1047 K. Macuda; 1051 A. Okuda; 1053 A. Ama; 1064 N. Ŝiomi; 1065 J. Sanoo; 1066 M. Kaŭagoe (ĉiuj en Japanio).

1. medicino: arto kuraci malsanulojn/ 2. malsan'ul'ejo/ 3. akceptis kiel verŝajnan/ 4. kuracisto, kiu tranĉas la korpon por re-sanigi ĝin/ 5. sciencisto, kiu studas mikrobojn (vidu 6)/ 6. ne-videbla estaĵo, kiu kaŭzas malsanojn/ 7. aĵo, kiu mortigas mikrobojn/ 8. la plej malgrandaj viv'antaj unuoj/ 9. fluaĵo kiel akvo/ 10. tre eta semo/ 11. scienca provado/ 12. forta povo/ 13. brita honor'titolo.

## enigmo




MAGI KVADRATO

Skribu vertikale kaj horizontale la samajn vortojn! 1. Ĉef-urbo de iu Eŭropa lando; 2. Nenio-farado; 3. Parto, angulo en gazeto (R); 4. Mal'sudo (R); 5. Besto, kiu konstruas digojn en riveroj (R); 6. Parto de skeleto; 7. fortranĉi per ilo (R); 8. Regula dis-meto de objektoj en ilia ĝusta loko. (R) = nur radiko! Sendu la solvon al s-ro *Dieter Berndt,* Berolinastr. 2.; DDR-102 BERLIN antaŭ la 1-a de septembro!

# ET'PIONIRA TENDARO EN SZENTENDRE

*„Vivu la stel', vivu la stel',*
*vivu la verda stel'...”*

Ses-dek kvin infanoj, etpioniroj (malpli ol 10-jaraj lernantoj) sidas ĉirkaŭ la lasta tendara fajro. La venteto portas ilian kanton trans la arbaron kaj rivereton, al la gast'ama urbeto *Szentendre* (:sentendre). De tempo al tempo, la fajro igas videblaj bluajn kaj ruĝajn kol'tukojn kun verdaj steloj.

Aŭskult'inte la kantojn, versaĵojn kaj rigard'inte la gajajn ludojn de la infanoj, la estraro de la tendaro konstatas, ke ilia laboro ne estis vana. Ankaŭ la gastoj, kiuj multe helpis en la organizado, opinias simile. La unua etpionira tendaro en Szentendre, havis sukceson.



Ripozo en herbejo

Post tendara fajro





Rapide for-flugis naŭ tagoj. Restis nur unu: la tago de la fermo, dum kiu oni dis-donos diplomojn[1], diversajn premiojn kaj, poste, venos la adiaŭo, la malĝoja momento.

Hodiaŭ, ĉio ĉi estas re-memoro. La ekskursoj estis agrablaj, eĉ la deĵorado[2] estis interesa. Deĵorantoj purigis la tendaron, lavis la telerojn, en kiuj antaŭe preskaŭ ĉiam estis bon'gusta manĝaĵo.

Krom la tuttagaj ekskursoj, la infanoj okupiĝis en grupoj, ĝis tag'mezo. Lingvaj ekzercoj, kantoj, ludoj, desegnado kaj pupfarado[3] plenigis la unuan du-onon de la tagoj.

La infanoj malkovris la belecon de la ĉirkaŭaĵo. Ili vizitis la najbaran urbeton Szentendre, la ĉef-urbon, Budapeston. Precipe la best'ĝardeno kaptis ilian atenton kaj fantazion[4]. Tiu-tage, ventis malvarme, eĉ pluvis, tamen, la geknaboj decidis resti, por rigardi ĉiujn bestojn. Kaj post la

vizito en la bestĝardeno, ili havis emon veturi al *Buda,* kaj grimpi[5] al la *Fiŝista Bastiono*[6]*,* laŭ longega ŝtuparo, por vidi la urbegon desupre. Iu knabino nombris la ŝtupojn ĝis la supro: ekzistas 450 ŝtupoj.

En alia tago, estis per-pieda ekskurso, 15-kilometra, kaj vespere, re-veno al la tendaro per ŝipo, sur *Danubo.*

Nia tend'um'ado koincidis[7] kun festo-tagoj en Szentendre. La infanoj bone amuzis sin en la multkolora svarmo[8] de la hom'amaso.

Ĉi-somere, la etpioniroj venis el hungaraj urboj kaj vilaĝoj, en kiuj ekzistas Esperanto-instruado. Pro la sukcesaj 10 tagoj, la organiz'antoj esperas akcepti ankaŭ ekster-landajn infanojn en la ven'ontaj jaroj.

*Gabriela Ősz* (Hungario)

# KANTU!

## Dipidu[1]

*Skolta kanto el Ugando*



1. diplomo: papero, kiu pruvas pri io grava/ 2. deĵori: labori, servi kelkan tempon dum tago/ 3. pupo: ludilo kun homa formo/ 4. fantazio: liberig'ita imago/ 5. pene iri supren/ 6. turo-forma konstruaĵo por defendi/ 7. okazis sam'tempe kun alia okazaĵo/ 8. vigla moviĝo de amaso.

# IRIRIRIRIRIRIRIRIRIRIRIRIRIRIRI

En la lasta numero, vi trovis vortojn far'itajn per la radiko *HAV-*. Nun, ni prezentas al vi alian tre riĉan familion, tiun de *IR-:*

IRADO: Li ne zorgas pri la *irado* de la mondo.

IREBLA: La polico certigis la *ireblecon* de la ĉef-vojo.

IRIGI: Mi ne povas *irigi* la horloĝon.

REIRI: Ŝi aĉetis bileton por *iro-reiro.*

ALIRI: Kiu kuraĝe *aliras,* facile akiras.

ALIREBLA: Nia ĉefo apenaŭ estas *alirebla.*

ĈIRKAŬIRI: La mastro, ĉiu-vespere, *ĉirkaŭiris* la ĝardenon.

DISIRI: La infanoj jam *disiris* hejmen.

EKIRI: La afero bone *ekiris.*

ELIRI: Li *eliris* al ŝi renkonte.

PRETERIREJO: Ni ne eniris la urbon, pasis laŭ la *preterirejo.*

RETROIRI: Li *retroiris* kelkajn paŝojn.

SENELIRA: Li troviĝas en *senelira* situacio.

SUPRENIRI: Ne *supreniru* sur la monton!

TRAIREJO: Ni atendis vin ĉe la *trairejo.*

TRANSIREJO: Ni devis longe atendi ĉe la rivera *transirejo.*

ROND'IRI: La Tero *rondiras* ĉirkaŭ la Suno.

DE-IR'PUNKTO: La *deirpunkto* de nia ekskurso estis Budapeŝto.

SUN'SUB-IRO: Iam, la kamparanoj laboris de sun'leviĝo ĝis *sunsubiro.*

ANAS'IRI: La dikulo spiris, kaj paŝis *anasire.*

FLANKEN-IRI: En la malvasta strato, li ne povis *flankeniri.*

MILIT'IRO: La vikingoj entreprenis *militiron.*

PIED'IRI: Li *piediris* la tutan vojon.

SAV'EL-IR'EJO: Pro incendio, la publiko for-lasis la teatron tra la *savelirejoj.*

ŜTEL'IRI: La ŝtelisto *ŝteliris* en la malluma strato.

IR'MANIERO: Mi rekonis vin laŭ via *irmaniero.*

DORS'IRI: La turko *dorsiris* al la pordo.

ĈIEL'IRO: Post la *ĉieliro* de Kristo.

1. parto, angulo en gazeto/ 2. ter-partoj/ 3. ne-akva; tera.

# Klubo de Legantoj

LA RUBRIKON[1] GVIDAS
*Josef Chvosta* (:ĥvosta)
Engelsova 289,
290 01 PODEBRADY
*Ĉeĥoslovakio*
Sendu ĉiun korespondaĵon
rekte al tiu adreso!

La konkurson de n-ro 3 (1979) sukcese solvis: *István Takács* (Hungario), *József Somogyi* (Hungario), *Erika Sáfrány* (Hungario), *Emil Hübner* (FR Germanio), *Teodora Keszi* (Hungario). Gratulon al ili!

La konkurson de n-ro 1 (1980) partoprenis la subaj legantoj. Ili sendis la titolon en la gepatra lingvo. Ĉu vi povas diveni la lingvojn laŭ la titoloj? Teodora Keszi — *Verne Gyula:* Rejtelmes sziget
Francois Lo Jacomo — *Jules Verne:* Ile mystérieuse
Werner Drüschler — *Julius Verne:* Geheimnisvolle Insel
Zdenek Kotas — *Julius Verne:* Tajuplny ostrov

Teodora Keszi menciis ankaŭ aliajn librojn pri insuloj: Passuth László: *Edeno en la oceano;* Jules Verne: *Gefiloj de kapitano Grant;* Thor Heyerdahl: *Fatu Hiva;* Arne Falk Ronne: *Sep ondoj de la suda maro;* Alexandre Dumas: *Grafo de Monte Chisto;* Cherriere: *Papilio;* Daniel Defoe: *Robinson Crusoe;* Rejtő Jenő: *La re-trov'ita kroz'ŝipo.*

Ĉu ankaŭ vi konas ilin? Skribu pri tio!

Fine, Teodora Keszi al-skribis du frazojn al la a-rakonto:

*La av' jam staras, la blanka granda kat' manĝas antaŭ la kaban'. La grandaĝa kalva gaja av' kaj la amat' paŝadas tra la savan' kaj mallarĝa pad' al la arbar'.*

Ni aparte gratulas al ŝi!



X. Y. sendis al ni liston pri siaj leteroj. Li dividas ilin laŭ kontinentoj[2] kaj landoj. Sed aŭ li eraris aŭ li provas vian atenton, vi trovas kelkajn strangaĵojn. Korektu la malĝustaĵojn!

*Eŭropo:* Belgio, Bulgario, Francio, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Jugoslavio, Nederlando, Rumanio, Svedio, Svisio.

*Azio:* Ĉinio, Filipinoj, Hindio, Indonezio, Kamboĝo, Panamio, Tajlando.

*Afriko:* Eburbordo, Egiptio, Liberio, Portugalio, Tunuzio.

*Ameriko:* Argentino, Brazilo, Ĉilio, Izraelio, Kanado, Urugvajo, Usono.

*Pacifiko:* Aŭstralio, Haitio, Nov-Zelando, Okcidenta Samoo, Tongo.

Al-done. Kiu scias la limon de Eŭropo tra firma[3] tero en Sovetunio?

# PAĜO POR SIN-AMUZO

LANGO-ROMPILOJ  Diru rapide!

Tri tre drinkemaj fratoj trafis truon de l' trotuaro[1].

Baldaŭ ankaŭ la naŭ astronaŭtoj[2] aperis per aŭtoj.

Fava[3] flav'flanka ŝafo.

Sur blua plejdo[4] bebo[5] ploras.

Papavo[6] estas nek avo de papo[7], nek speco de pavo[8], sed floro de kampo, kun ruĝaj petaloj[9].

*VENERA*[10]

*La direktoro diris al sia amiko:*
*„Mia sekretariino*[11] *estas kiel la Melosa Venera."*
*„Ĉu tiel bela?", demandis la alia.*
*„Ho ne!", protestis*[12] *la direktoro. „Ŝi laboras kvazaŭ mankus al ŝi la brakoj."*

KONSTRUU VORTOJN

per al-meto de komenca litero!

Ekz.: ĝ, d, l, m, v, c, p, ŝ, t —IRo

Daŭrigu! ___ —AMo

___ —AVo

___ —OKo

1. pasejo ambaŭ-flanke de strato/ 2. veturistoj en la inter-stela spaco/ 3. favo: haŭt'malsano ĉe ŝafoj/ 4. speco de kovrilo/ 5. suĉ'infano/ 6. kampa floro/ 7. estro de la katolika eklezio en Romo/ 8. birdo kun bela granda vosta plumaro/ 9. flor'folioj/ 10. diino de beleco kaj amo en la pra-tempa Romo/ 11. afer'gvid'antino/ 12. kontraŭ-diris.

13-jara hungara knabino deziras korespondi tut'monde kun sam'aĝuloj. Ŝi kolektas poŝtmarkojn kaj tapetajn bildojn. Skribu al *Anita Hoffmann* Hengerész út 5 2/4, H-2400 DUNAÚJVÁROS, *Hungario.*

Fraŭlino 17-jara serĉas leteramikojn. Ŝi interesiĝas pri moderna muziko, insignoj kaj sporto. Adreso: *Dubina Alla,* str Vejceŝeka 7—42, USSR- 683 024 PETROPAVLOVSK-KAMĈATSKIJ, *Sovetunio.*

Latva knabo 15-jara, kiu interesiĝas pri muziko, radiotekniko kaj naturo, serĉas leteramikojn per Esperanto. Skribu al *Zigurds Znotinŝ,* „Avotkalni", Fuzes c. p., Ventspils raj., *Latvio, Sovetunio.*

23-jara medicinisto volas korespondi kun junulinoj el socialismaj landoj. Adreso: *Revo Rostislav Miĥajloviĉ,* str. Lenin, 17—43, USSR-25 000 ĈERNIGOV, *Sovetunio.*




Lernantino 13-jara volas korespondi tutmonde. Ŝi kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn. Ŝia adreso: *Ilka Schaller,* Rigaerstr. 11/121, DDR-252 ROSTOCK 22.

Hungara lernantino 17-jara volas korespondi kun eksterlandanoj. Ŝi kolektas poŝtmarkojn, bildkartojn, portretojn de filmaktoroj. Skribu al: *Klara Vathi,* Kilián Gy. u. 8., H-8154 POLGÁRDI, *Hungario.*

SOLVO de la enigmo (n-ro: 3, 1979)
*Raymond Schwartz:*

*„Neniu rozo sen dorno,*
*Neniu prozo sen dormo."*

Alvenis 8 solvoj, 7 el Hungario, 1 el Italio. Jarabonon gajnis:
László Kercsmár, József A. u. 17, H-9515 CSÖNGE
Teodora Keszi, Vörösmarty út 7. fszt. 2., H-7300 KOMLÓ
Miklós Benkő, Bartók Béla u. 50., H-1111 BUDAPEST

JUNA AMIKO

Internacia Lerneja Esperanto-Revuo

de la Hungara Esperanto-Asocio (H—1368 Budapest 5. Pf. 193.). Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *D. Berndt.* (GDR), *M. Boulton* (Anglio), *Y. Brion* (Francio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *As. Grigorov* (Bulgario), *R. Grinŝpan* (Sovetunio), *V. Heimlich* (Israelo), *R. Okumura* (Japanio), *s-ino Ősz* (Hungario), *B. Ragnarsson* (Islando), *E. Raveloson* (Madagaskaro), *Z. Rehorić* (Jugoslavio), *s-ino Saranath* (Hinda Unio), *T. Sekelj* (Jugoslavio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *s-ino M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio), *W. Zytynski* (Pollando). Grafikistoj: *J. Klement, P. Rak* (Ĉeĥoslovakio), *S. Plugor* (Rumanio), *s-ino E. Váli, Z. Vámos* (Hungario). Lingva kontrolo: *A Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).

Kiadói Főig. engedélyszáma:
Minisztertanács Táj. Hiv. —
III./IFJ/30/1976

# humuro

1. konvinka pruvo/ 2. bona okazo por io.

KONSILO

„Kion fari ke, ĉe martel'ado, mi ne batu sur la fingrojn?", demandis knabo sian patron.

„Estas tre simple. Tenu la martelon per ambaŭ manoj!"



*STRANGA ARGUMENTO*[1]

*Du infanoj inter-parolis:*

*„Jen vidu, miaj piedoj ne estas tiom malpuraj, kiom la viaj."*

*„Kompreneble, ĉar vi estas tri jarojn pli juna."*





FELIĈO

Du ĉasistoj inter-parolis:

„Hieraŭ, mi ĉasis tigrojn!"

„Kaj, ĉu vi havis bon'ŝancon[2]?"

„Ho jes. Mi vidis eĉ ne unu tigron."

**ÁRA: 8,- Ft**